16-a jaro. — N-ro 1 (179) Januaro 1930




Fondita en 1908.

OFICIALA ORGANO DE LA BELGA LIGO ESPERANTISTA

Aliĝinta al la Unuiĝo de la Belga Perioda Gazetaro

Fondintoj : L. CHAMPY, Fr. SCHOOFS, Am. VAN DER BIEST-ANDELHOF.
J. VAN LAERE, Oscar VAN SCHOOR.

Direktoro :
**FRANS SCHOOFS, Kleine Hondstraat, 11**
ANTVERPENO

Por la anoncoj oni sin turnu al :
H. PETIAU, St. Lievenslaan, 60, GENTO.

**JARA ABONPREZO : Fr. 20,—**
**EKSTERLANDO : Belgoj 5.—**
ANTVERPENO
1930



BONVOLU PAGI VIAN KOTIZON 1930.

# Belga Ligo Esperantista

**Fondita en 1905.**

Honora Prezidanto: **Princo Leopoldo, Duko de Brabanto.**

(Honora Prezidinto : formortinta Generalo Grafo Leman).

**Estraro :**

Prezidanto pro honoro : A. J. Witteryck, Steenbrugge.
Prezidanto: F. Schoofs, Kl. Hondstr.,11, r. du Petit Chien, Antverpeno.
Vic-prezidantoj : L. Cogen, Dreef, 52, Drève, Ninove.
P. Kempeneers, r. aux Laines, 20, Wolstr. Bruselo.
Ĝen. Sekretario: H. Petiau, St. Lievenlaan, 60, Bd. St Liévin, Gento.
Kasisto : M. Jaumotte, Lage Weg, 254/14, Chemin Bas, Hoboken-Antverpeno.

Direktoro de la oficiala organo : F. Schoofs.

**Komitato :**

**Konstantaj komitatanoj** : Cam. Babilon, L. Champy, M. Elworthy-Posenaer, Fr. Schoofs, Osc. Van Schoor.

**Delegitoj de la Grupoj :**

AALST : Grupo « Pioniro ». — R. De Kegel.
ANTVERPENO : « La Verda Stelo », S. s. p. c. — M. Jaumotte, A. Faes.
BRUĜO : Bruĝa Grupo Esperantista. Yv. Thooris, Ch. Poupeye.
BRUSELO: Brusela Grupo Esperantista. - P. Kempeneers, R. Brihay.
BRAINE-L'ALLEUD : «La Verda Stelo de Brajno ».
CHARLEROI : — Karloreĝa Grupo Esperantista. — A. Henraut.
GENTO : Genta Grupo Esperantista. — H. Petiau, Cl. Van de Velde.
KORTRIJK : Grupo Esperantista. — C. Vanbiervliet, G. Debrouwere.
LIEĜO : Lieĝa Ago ». — E. Oger.
LIERO : Liera Stelo. — Jos Leflot.
LOKEREN : « Durma Stelo ». — A. Roels.
MEĤLENO : Mehlena Grupo Esperantista. — A. Baesens.
NIEUWPOORT : Esp. Grupo : L. Braet.
SPA : Grupo Esperantista. — J. Desonay.
S-ta NIKOLAO : Grupo « Al Triumfo ». — R. Geerinck.
SCLESSIN-LIEĜO : « Grupo Esperantista ». — J. Bissot.
TIRLEMONT : Grupo Esperantista. — Em. Rodeyns.
VERVIERS : Grupo Esperantista. — Jos Hérion.

**Juĝantaro pri profesora kapableco :**

Efektivaj membroj : F-ino M. Jennen, L. Cogen, Cl. Vandevelde.
Anstataŭantoj : Oscar Van Schoor, A. Henraut, F. Mathieux.

**Gazetara Servo :** F. Schoofs, Edg. De Coster.

**Radio-fako:** P. Kempeneers, Lod. Bas.

**Kotizo :** Fr. 20,— jare, inkluzive abono al «Belga Esperantisto».

**Poŝtĉeko : 1337,67** de Belga Ligo Esperantista.

Por la kroniko : la grupoj bonvolu havigi al nia Ĝenerala Sekretario sian koncizan raporton je la 15a de ĉiu monato, kun sia programo por la sekvonta monato.

16a JARO N-ro 1 (179) JANUARO 1930.

# BELGA ESPERANTISTO

## MONATA REVUO

*Oficiala organo de la Belga Ligo Esperantista*


| Direktoro : | Abonopagoj kaj aliaj Monsendoj al : |
|---|---|
| FRANS SCHOOFS | Poŝtĉeko No 1337.67 |
| 11, Kleine Hondstraat, Antwerpen | de |
| Telefono 943.74 | BELGA LIGO ESPERANTISTA |

**Konstantaj kunlaborantoj :** M. JAUMOTTE, L. COGEN, W. DE SCHUTTER, S-ino L. FAES H. PETIAU, F-ino R. SPIRA, F-ino J. VAN BOCKEL, H. VERMUYTEN

**Ekspeda Servo :** FR COOL

*Nepresitajn manuskriptojn oni ne resendas. — La Redakcio konservas por si la rajton korekti laŭbezone la manuskriptojn.*


# INFORMO AL NIA GRUPOJ

Je la komenciĝo de la nova jaro ni petas la grupestrarojn, ke ili bonvolu helpi niajn administrajn laborojn, sendante al ni kiel eble plej baldaŭ la abonojn por 1930.

Ili do prizorgu senprokraste la enspezon de siaj kotizoj.

Nia kasisto havigos al ili post nelonge novajn sliparojn, kiuj donos al ili okazon reguligi aparte, por ĉiu pago de kotizo, la aliĝon au realiĝon al la Ligo kaj la enskribon en la ekspeda fako de la gazeto. Tiamaniere ne plu estos necese atendi, ĝis estas eble ensendi tutan liston.

Tiu nova metodo multe plifaciligos la laboron de la grupoj kaj tiun de la diversaj servoj de la Ligo. Samtempe ĝi permesos rapidan esploron de eventuale okazintaj eraroj, forgesoj aŭ plendoj.

Specialan alvokon ni faras por ke la Estraroj de la grupoj kunlaboru por igi nian organon pli kaj pli interesa per havigo de taŭga materialo. Krom literaturaĵoj originalaj kaj tradukitaj ili ne preterlasu sendi je la 15a de ĉiu monato raporteton pri sia pasinta agado kaj programon de la okazontaĵoj dum la venonta monato.

Farante tiun malgrandan, por ĉiuj facile plenumeblan devon, ili plej efike kuraĝigos kaj instigos nin, regule kaj energie realigi niajn laborojn koncernantajn la administradon, la propagandon de Esperanto en Belgujo kaj la eldonadon de nia revuo, kiu nun eniras en sian 16an jaron.

Al ĉiuj niaj legantoj ni deziras plej prosperan kaj feliĉan novan jaron, kaj fruktodonan kaj konkordoplenan laboron por la progresado de nia lingvo en nia lando.

# HISTORIO DE BELGUJO

## ANTAŬVORTO.

En 1930, Belgujo festos la 10-an datrevenon de la Sendependiĝo de la Lando.

Pli ol iam, niaj abonantoj en sia korespondado kun fremdlandaj Esperantistoj bezonos refreŝigi sian memoron, pri la plej gravaj faktoj el la historio de sia lando, ĉar estas efektive tiuj punktoj, kune kun tiuj rilantantaj al geografio, ekonomia situacio kaj similaj objektoj, kiuj havas intereson por la alilandanoj.

I.

### La jarcentoj de Dependeco en Belgujo.

La Historio de Belgujo kaj la nomo de ĝia popolo, — la Belgoj — estas konataj de antaŭ proksimume du mil jaroj, nome de la konkiro de Gaŭlujo de la Roma imperiestro Cezaro, tiam prokonsulo, kaj kiu en sia historio pri tiu milita periodo skribis « **Gallorum omnium fortissimi sunt Belgae** ». — De ĉiuj Gaŭloj la Belgoj estas la plej kuraĝplenaj.

La Belgoj, pri kiuj parolas Cezaro en tiu ĉi teksto, estas la prapatroj de la nunaj Belgoj, sed ankaŭ de la enloĝantoj de diversaj regionoj, sude kaj oriente de la nuna Belgujo.

La limoj de la antikva Belgujo estis, okcidente la Oceano, sude la Seine kaj la Marne, oriente la Rejno kaj norde la Wahal aŭ Vaal, unu el la subdividoj de tiu riverego.

Ne estis nur unu tribuso, kiu tiam loĝis sur la teritorio de la tiama Belgujo, eĉ ne sur tiu de la nuna.

Inter la limoj de la nuna Belgujo vivis tiam proksimume dekkvin diversaj gentoj, inter kiuj la precipaj, pri kiuj parolas Cezaro, estas:

1. **La Treviroj,** en la sudo de la nuna provinco Luksemburgo (kaj en la ĉefduklando Luksemburgo).
2. **La Aduatukoj,** en la provinco de Namuro, inter la Mozo kaj Sambro.
3. **La Nervioj,** en Henogovio, Brabanto, partoj de la Orient-Flandrio kaj Antverpeno, inter la Skeldo, la Dyle kaj la Sambro.
4. **La Eburonoj,** en Limburgo, parto de Antverpeno, en Lieĝo, ĝis la Kondrozo kaj en Brabanto ĝis la Dyle.
5. **La Menapoj,** en ambaŭ Flandrioj.
6. **La Morinoj,** en la suda parto de Okcidenta Flandrio.

Tiuj tribusoj apartenis al la Kelta raso, kiu tiam vivis inter la Rejno, la Alpoj, la Mediteraneo, la Pireneoj kaj la Oceano, kaj kiu dividiĝis en la Gaŭloj, nunaj Francoj, kaj la Belgoj.

Daŭris diversajn jarojn antaŭ ol Cezaro kapablis submeti ĉiujn diversajn gentojn, kiuj vivis en la tiama Belgujo, kaj el la heroa tragedio de tiuj popoloj, kiuj sume havis enloĝantaron de proks. 1,5

miliono da enloĝantoj, la Belgoj ankoraŭ rememoras kelkajn nomojn de kuraĝoplenaj regnestroj kiel **Boduognat** (Nervio), **Ambiorikso** (Eburono) kaj **Induciomaro** (Treviro). En diversaj urboj belgaj statuoj kaj nomoj de stratoj kaj placoj rememorigas pri tiuj antikvaj gentoj kaj iliaj sentimaj gvidantoj.

De la jaro 51 antaŭ J. K. kaj dum proksimume kvincent jaroj daŭris la Roma superregado.

Dum tiuj jarcentoj la enloĝantaro havis la tempon alkutimiĝi al la roma lingvo, — la popollatino, kaj al la romaj kutimoj, ĉefe reprezentataj per la apliko de la roma leĝaro.

Je la fino de la tria postkrista jarcento, franka kolonio, veninta el Batavujo (la nuna Nederlando aŭ Holando), alvenis en la regionoj laŭlonge de la Skeldo kaj de la Lejo, kaj etendiĝis en la du Flandrioj. Ĝi nur haltis antaŭ la preskaŭ netrairebla kurteno de arbaroj, kiu tiam etendiĝis de la Skeldo al la platajoj de l'Ardenoj, kaj kiun oni nomas la Karbo-arbaro.

En la mezo de la kvara jarcento, alia simila kolonio alvenis kaj ekstariĝis en la sablaj ebenaĵoj de Toksandrujo, la Norda Brabanto kaj la nuna Kempenlando, **kaj tiel ekstaris la divido de Belgujo en parto suda**, kiu ankoraŭ daŭrigis la uzadon de la popollatina lingvo kaj de la sudaj kutimoj, **kaj en parto norda** kiu iĝis sub ĝermana influo.

Tiu divido, kiel oni povas nun ankoraŭ konstati, estas proksimume la sama, kaj la linio, kiun desegnis en la dudeka jarcento la parlamento belga, kiam temis pri la aranĝo prilingva, estas la sama, kiun jam difinis la Nordaj kolonistoj, kiam ili definitive haltis sian alsudeniradon.

La Roma regado daŭris ankoraŭ oficiale en tuta Belgujo kaj efektive en la sudaj provincoj ĝis en la duono de la kvina jarcento. Diversaj almilitigoj de la Frankoj forprenis sinsekve al la Romaj legionoj, partojn de la Cezara konkirajo.

De 450 ĝis 843, je la traktato de Verdun, niaj provincoj vivis sub la franka regado, unue kun la **Merovingoj**, kiel princoj. Tiam la nuna Flandrujo, estis parto de la Neŭstrio, la aliaj provincoj de la Aŭstrazio. Dum la regado de la Karolingoj ekzistis pli da unueco, sed post la divido de la granda imperio de Karolo la Granda aŭ Karlomagno, la estinta divido reaperis.

Post la « **Traktato de Verdun** » per kiu la nepoj de Karlomagno dividis inter si la Ŝtatojn, kiujn ili heredis de sia patro Ludoviko, la Flandrioj (ne Flandrujo) iĝis la propraĵo de Karolo la Senharulo, kiu ilin donis kiel feŭdo al Baŭduino kun la Fera Brako, kaj tiel tiuj provincoj iĝis dependaj de Francujo. La aliaj Belgaj provincoj estis iĝintaj, en 855, parto de Lotaringo, kaj tiel iris poste sub kontrolo de Germanujo.

Tiu periodo post la Traktato de Verdun estas romantikplena kaj por la belga junularo ĝi estas plena je anekdotoj kaj veraĵoj historiaj, kiuj estas bonaj stimuliloj por la nacia fiereco.

Estas la feŭda periodo kun la granda lukto inter la komunumoj reciproke kaj inter la komunumoj kaj la provincestroj.

Depost la deka jarcento la grafoj en Belgujo akiris de la reĝoj la rajton transdoni herede al sia filo la graflandon, kiun ili estris, kondiĉe ke la filo faru la saman ĵuron de fideleco al la Reĝo, kiel antaŭe faris lia patro.

La diversaj provincoj aŭ graflandoj, kiuj tiam jam ekzistis, kaj el kiuj formiĝis poste la naŭ nunaj provincoj de Belgujo, estis la jenaj : **La Graflando de Flandrio,** kiu estis kunmetita de la « flaminganta » kaj de la « galikanta » Flandrioj kaj kiu do etendiĝis ekster la teritorio de la nuna Belgujo kaj enhavis la francajn urbojn de Lille, Douai kaj Béthune. La unua grafo estis, kiel jam dirite, Baŭduino kun la Fera Brako.

**La Graflando de Henegovio,** enhavis la tutan nunan belgan Henegovion, krom la regiono de Tornako, plus, la francan Henegovion. Dum ampleksa parto de la historio ĝia sorto estis intime ligata al tiu de la provincoj Frandrioj, malgraŭ tio ke la lingvoj parolataj en ambaŭ graflandoj estis malsamaj.

**La Duklando de Brabanto** estis iom strangforma. Ĝi estis kunmetata de la nuna Brabanto — kiu enhavis kiel nun ankoraŭ valonan parton, kies precipa urbo estis Nivelles — de la markizlando aŭ limgraflando de Antverpeno, kaj de la holanda Brabanto. La precipaj urboj en ĝi estis Bruselo, Loveno, Antverpeno. La nobelolando de Mehleno, kiu tamen kuŝis meze de tiu ĉi teritorio, dependis de la princepiskoplando de Lieĝo.

La duklando ankoraŭ pliampleksiĝis je la fino de la XIIIa jarcento per la konkiro de la duklando de Limburgo, kiun ni ne aparte volas citi tie ĉi, ĉar ĝi ne korespondas kun la nuna provinco de Limburgo. Tiu ĉi provinco efektive korespondas kun la mezepoka **Graflando de Looz** kaj ĝi akiris nur sian nomon de Limburgo pro la fakto, ke dum la dekkvin jaroj de Hollanda unuiĝo — 1815-1830, — ĝi formis tuton kun la vera holanda Limburgo.

**La Graflando de Namuro** estis pli malgranda ol la nuna provinco. En ĝi ja ne kuŝis Dinanto. Ĝi ludis negravan rolon en tiuj komunumaj luktoj pri kiuj ni jam parolis, ĝis kiam Baŭduino, kiu estis ankaŭ imperiestro de Konstantinoplo, ĝin vendis al Gui de Dampierre, grafo de Flandrio.

Per tiu vendo okazis, ke en la « **Batalo de la Oraj Spronoj** », kiu okazis en 1302 post la enkarcerigo de Gui de Dampierre kaj la enpreno de Flandrio « sub la franca krono », la soldatoj de la valona Namurlando luktis kun la flandriaj armeoj kontraŭ la franca subpremanto, dum la cetere preskaŭ entute flandralingva duklando de Brabanto, kun la markizlando de Antverpeno estis la apogantoj de la francoj. Tio ne malhelpis ke la flandremuloj, jam antaŭ duonjarcento elektis tiun tagon kiel simbolan festotagon de la flandrema movado.

Estas al tiu tempo, ke oni ŝuldas la nomojn de « **Leliaerts** » —

liliemuloj — kaj « **Klauwaerts** » — ungegemuloj — per kiuj oni montris la francojn kaj francemulon unuflanke kaj la revoluciemajn subpremitajn popolojn de Flandrio. Estas en tiu tempo ankaŭ ke okazis la « **Bruĝoj Frumatenoj** » (18 de Majo 1302) dum kiuj oni mortigis ĉiujn, kiuj ne bone kapablis elparoli la flandrajn vortojn « **Schild en vriend** » (blazonŝildo kaj amiko) kaj ke ekstaris la popolkondukistoj **Jan Breydel, Pieter de Coninck** kaj **Van Artevelde,** pri kiuj en diversaj urboj de Flandrujo rememoras ankaŭ statuoj, stratoj kaj placoj.

Post tiu feŭda kaj komunuma periodo, ekiĝis por la plej granda parto de la nuntempa Belgujo, la **Burgonda periodo,** kun **Filipo la Kuraĝulo, Johano Sentimulo** en Flandrio ; **Antonio, Johano IV,** kaj **Filipo** en Brabanto ; kaj iliaj heredintoj, **Filipo la Bona, Karolo** kaj **Mario de Burgondujo** en ĉiuj niaj provincoj, krom la Tornaka kaj la Lieĝa.

**Mario de Burgondujo** estis edziniĝinta kun **Maksimiliano de Aŭstrujo,** kaj tiel ĉe ŝia morto en 1482, nia lando eniris la aŭstro-hispanan periodon. Ŝia filo **Filipo** venis post ŝi, kaj poste ŝia nepo **Karolo la Kvina,** kiu per lia patrino heredis la Hispanan regnon.

Kiam **Karolo** la Kvina forlasis la kronon dum solena kunsido en Bruselo la 25an de Oktobro 1555, li lasis la Nederlandojn, kiel intertempe nomiĝis la Belga-Holandaj regnoj, al **Filipo la IIa** kiu ankaŭ iĝis reĝo de Hispanujo kaj kiu same kiel liaj posteuloj reprezentigis sin en nia lando de landestroj, pri kiuj niaj praavoj ofte rajtis plendi.

La nomo de la **duko de Albo,** tiu de la **Tribunalo de la Sango,** kiel oni ĝin konis en nia lando, tiuj de la senkapigitaj **grafoj de Egmont** kaj **de Horne,** kies statuo staras en Bruselo, rememoras pri tre malagrabla periodo de nia historio.

Dum la unua kvarono de la XVIIIa jarcento, Belgujo povis esperi ke ĝi iĝis libera sub la regno de la **geĉefdukoj Alberto** kaj **Izabelo.** Malfeliĉe por ni tiuj regnestroj mortis seninfanaj, kaj nia lando ree subpremiĝis.

Per la « **Traktato de Utreĥto** » en 1713, la Belgaj provincoj denove apartenis al la Aŭstra regno, sub la sceptro de **Karolo la VIa,** kiu tamen devis ilin lasi al Holando ĝis la definitiva reguligo en 1715.

La posteuloj de Karolo la VIa estis **Mario-Terezio, Jozefo la IIa, Leopoldo la IIa** kaj **Francisko la IIa.**

Post la franca revolucio de 1789, la francoj klopodis forpreni la Belgajn provincojn de la Aŭstroj, kaj sukcesis unuafoje en 1792 ; la sekvantan jaron ili estis forpelataj, sed en 1784 ili **rekonkiris** nian landon kaj en 1797 la afero likvidiĝis per la « **Traktato de Campo-Formio** »,

Ni iĝis parto de Francujo.

La Franca periodo daŭris ĝis la definitiva neniiĝo de la esperoj de Napoleono, kaj per la decido de la Kongreso de Vieno en 1815, Belgujo estis kunigita al Holando por esti la **Regno de la Nederlandoj.**

La Franca periodo, kiu estis dominacio kiel alia, kaj kiu do estas same antipatia al nia moderna ideo pri libereco, kiel la antaŭaj his-

panaj aŭ Aŭstraj dominacioj, estas tamen la nura, kiu postlasis daŭrajn fruktojn.

Kiam li ankoraŭ nur estis Unua Konsulo, Bonaparto volis jam altigi la havenon de Antverpeno, je unuaranga haveno kaj same fari de ĝi grandegan armilejon.

Sed la plej grandaj servoj, kiujn la Franca Superregado, faris al ni estas resumitaj en jena teksto de E .C. de Gerlache. :

« Belgujo ŝuldas al Francujo la unuformecon de siaj leĝoj, de sia administracio, de siaj tribunaloj kaj tiun alcentrigon de la povoj, sen kiu nek unueco nek forteco estas ebla en registaro nek en Nacio ; ĝi ŝuldas al ĝi la revekiĝon de la artoj kaj sciencoj, de la komerco kaj de la industrio kaj la malfermon de siaj havenoj, katenitaj de la « **Paco de Westfalio** ». Se la jugo de la konkiro ŝajnis iam malmola kaj kostis multe al ni, ĝiaj avantaĝoj estas tamen tiom grandaj, ke ne estas eble ne konsideri tion en senpartia historio ».

Maur. JAUMOTTE.

---

# BELGA KRONIKO

**ANTVERPENO. — « La Verda Stelo ».** — La 7an de Decembro la kutimaj vizitantoj de la sabataj kunvenoj pasigis neformalan, intiman vesperon. La 14an la grupo invitis la membrojn al Zamenhoffesto en la salono de «Brasserie de la Bourse». Simpla sed plej agrabla koncerto, dum kiu montris sian grandan talenton niaj sindonaj samideaninoj F-ino Cortens, pianistino kaj kantistino, kaj F-ino Quintin, kantistino, enkadris belan paroladon de S-ro Maur. Jaumotte, prezidanto de la Direktanta Komitato, kiu per altsentaj frazoj memorigis la veran spiriton de granda idealo, kiu instigis Zamenhof al la kreado de Esperanto, spirito plej bone eksterigita en la Kongresparolado de Boulogne. Superflue estas, diri ke artistinoj kaj paroladisto rikoltis plej grandan sukceson plene merit_itan. Plej gaja balo finis la sukcesintan vesperon.

La 21an okazis ĝenerala kunveno de la membroj, prezidata de S-ro Fr. Schoofs, honora prezidanto kaj prez. de la Administrantaro. La ĉeestantaro unuanime aprobis la proponon de la administrantaro fiksi la kotizon por 1930 je Fr. 25,— (por familiaj membroj : Fr. 15,—) el kiu sumo estos dediĉataj Fr. 5.— por aĉeti akcion de Belga Esperanto-Instituto, je la persona nomo de ĉiu membro. La kunveno havis tre interesajn priparolojn pri diversaj aferoj koncernantaj la ĝeneralan propagandon, la kursojn kaj la nacian gazeton.

**BRUSELO. — «Le Rouge et le Noir».** — Je la fino de Majo 1929 (1) okazis en tiu societo debato pri nia lingvo. Post sprita kaj humora parolata konkursbatalo, oni prezentas Esperanton al la publiko.

---

(1) Ni petas niajn legantojn pardoni al ni la malfruan aperigon de la ĉi-supaj raportetoj, sed nia korespondanto en Bruselo estis malhelpata dum kelkaj semajnoj sendi al ni siajn regulajn kronikojn pri la esperantista movado en Bruselo.

La salono estas plenplena ; multaj personoj el la aŭskultantoj tute ne estas favoraj al nia movado : ili konsideras ĝin utopia kaj estas pretaj ĝin ataki. La plejmulto el la ĉeestantoj tute malsimilas al tiuj, kiuj ĝenerale partoprenas la propagandajn paroladojn. Ne sufiĉos klarigi ideojn kaj celojn atingotajn, estos necese konvinki.

D-ro Kempeneers, vicprezidanto de Belga Ligo Esperantista, klarigis kio estas Esperanto, kia estas ĝia celo, kiel facile ĝi estas lernebla. Li montris la uzeblecon kaj la helpon kiun povas havigi Esperanto al ni en ĉiuj rilatoj : vojaĝaj, komercaj, industriaj, artaj, intelektaj, sciencaj, ktp.

La aŭskultantoj ekinteresiĝis kaj ĉefe miris kiam D-ro Kempeneers montris ekzemplerojn de la tutmonda «Internacia Medicina Revuo» kiu havas regulajn korespondantojn en multaj landoj de la kvin mondpartoj, aperas ĉiudumonate sur almenaŭ 48 paĝoj kaj nur en Esperanto.

Tamen, kiam D-ro Kempeneers anoncas ke S-ro Jaumotte parolos pri la literatura vidpunkto de Esperanto, tuj la mokaj kaj skeptikaj ridetoj reaperas. Oni aŭdas eĉ kelkajn akrajn rimarkojn : kiel do oni povus uzi tute artefaritan lingvon por verki literaturaĵojn ?

S-ro Jaumotte, Kasisto de Belga Ligo, parolis pri la verkoj de Zamenhof kaj pri tiuj de aliaj diverslandaj verkistoj, pri kelkaj famekonataj libroj kaj teatraĵoj, kiujn oni tradukis esperantlingven ; li rememoris la grandan sukceson de la prezentadoj de «Hamlet» dum la Antverpena universala Kongreso de Esperanto en 1928 ; li montris la «Belgan Antologion» enhavantan verkojn tradukitajn el la franca kaj el la flandra literaturo de Belgujo. Iiom post iom la opinio inter la ĉeestantoj ŝanĝiĝis.

Fine, S-ro Jaumotte legis la esperantigitan tekston de «La Tomboj», poemo de André Van Hasselt. Entuziasmiĝinta, la tuta aŭskultantaro aplaŭdegis kiam nia amiko legis la lastajn vortojn kaj de tiam, multaj personoj, antaŭe tute indiferentaj al nia movado, nun estas favoraj al ĝi.

La tasko estis malfacila, sed la rezultato estis tiom pli bela kaj la aplaŭdoj al la paroladistoj tiom pli meritataj.

**Propagandparoladoj pri Esperanto en la Nacia Ĝendarmejo, Bruselo.** (1). — Laŭ peto de kolonelo Maury, nuna estro de la tuta korpuso, D-ro Kempeneers, Vicprezidanto de Belga Ligo Esperantista, faris la 24an de septembro propagandparoladon franclingvan pri Esperanto.

La multnombra ĉeestantaro tre interesiĝis pri la internacia helplingvo kaj kelkaj el la ĉeestantaj oficiroj petis de D-ro Kempeneers havigi al ili 400 ruĝajn broŝurojn (franc-kaj flandralingve), disdonotajn inter la ĝendarmoj.

Kiam D-ro Kempeneers finis sian paroladon, Kolonelo Maury petis, ĉu ne estus eble aranĝi similan paroladon flandralingve.

Laŭ peto de la Kolonelo, la 22an de oktobro nia fervora amiko S-ro

Jaumotte, Kasisto de Belga Ligo Esperantista, rediris en flandra lingvo tion, kion D-ro Kempeneers diris unu monaton antaŭ li.

La aŭskultantoj laŭte aplaŭdante pruvis, ke ili multe interesiĝis kaj amuziĝis pro la agrabla kaj humora parolmaniero de S-ro Jaumotte.

Ni eksciis kun plezuro, ke tiuj paroladoj havis efikon, ĉar jam pluraj ĝendarmoj partoprenas la kurson de Esperanto gvidatan de S-ro Brihay.

Ni ne dubas ke venontan jaron ni rikoltos ankoraŭ multajn lernantojn en tiu medio kaj esperas, ke baldaŭ la esperantistaj ĝendarmoj estos tiel multnombraj kiel la esperantistaj policistoj en Antverpeno.

**Brusela Grupo Esperantista.** — La programo de Brusela Grupo estis speciale interesa dum Decembro. La 2an okazis la monata parolata ĵurnalo kaj poste amuza vespero. La sekvantan lundon, je la 8a vespere kunvenis la bruselaj anoj de U.E.A. kaj aŭdis la raporton de la delegito por Bruselo, D-ro Kempeneers. Post tiu mallonga kunveno, S-ro Castel faris interesplenan paroladeton pri Prosper Merimée kaj lia verkaro kaj speciale parolis pri «Carmen», la romano kiu incitis la komponiston Bizet verki la tiel konatan triaktan operon same titolitan. Niaj legantoj havos la plezuron legi la kompletan tekston de tiu parolado en sekvonta numero de nia revuo.

Dimanĉon la 15an la membroj de Brusela Grupo vizitis Mondpalacon kaj speciale la esperanto-sekcion de tiu grandega muzeo, sub gvidado de S-ro Otlet. Multnombra ĉeestado je tiu vizito dank' al la grava intereso de tiu muzeo.

Lundon la 16an : Rememoriga kunveno okaze de la datreveno de la naskiĝtago de D-ro Zamenhof. Dum la kunveno la partoprenantoj diskutis pri la utileco de Esperanto, pri la helpo alportata de Esperanto en komerco kaj en ĉiuj internaciaj rilatoj ktp. D-ro W. Van der Biest, estas elektita kiel kasiston de la Brusela Grupo, anstataŭ S-ro Spielfiedel, kiu eksiĝis pro trookupateco.

Mardon, la 17an de decembro, Radio-Belgique organizis specialan disaŭdigon okaze de la datreveno de la naskiĝo de D-ro Zamenhof. D-ro Kempeneers faris antaŭ la mikrofono tre ŝatindan paroladon franclingvan pri la tro frue mortinta D-ro Zamenhof, klarigante la celon de nia Majstro, kiam li kreis Esperanton. Li ankaŭ montris la gravan rezultaton jam akiritan de Esperanto, post nur 40 jaroj da ekzisto.

Post la parolado la tre konata kaj ŝatata tenoro de la Opero de Gento, S-ro Lambrechts, kantis en Esperanto kelkajn ariojn inter kiuj la «Espero».

Ni eksciis kun granda plezuro, de Radio-Belgique, ke tiu paroladeto estis tre ŝatita en nia tuta lando kaj eĉ eksterlande, ĉar Radio-Belgique ricevis dankleterojn el diversaj regionoj eĉ malproksimaj.

Kaj la Bruselaj Samideanoj finis la jaron per ĝenerala kunveno, kiu okazis la 30an.

Kursoj okazas regule : ĉiumarde, je la 20a, en komunuma lernejo rue du Doyenné en Uccle, gvidata de F-ino Obozinski.

**Ĉiuvendrede,** je la 20a, en profesia lernejo Fernand Cocq, 54, Rue du Président, en Ixelles, gvidata de S-ro Brihay.

**Katolika Esperantista Junulara Asocio. Brusela Sekcio.** — La 24an de Novembro okazis en la studklubo de tiu asocio parolado pri «Skoltismo», de S-ro J. Van Gulck, skoltestro el Antverpeno. Antaŭ grandnombra publiko, inter kiuj multaj bruselaj skoltoj, nia skolta samideano klarigis tiun interesegan movadon. Naskita en 1908 en Anglujo, ĝi nun, post 21 jaroj disvastiĝis en la tuta mondo kaj kalkulas ĉirkaŭ 2 1/2 milionojn da geanoj. Konigante unue la edukajn principojn de tiu agrabla kaj tamen serioza junulmovado, la parolinto travivigis al la aŭdantaro la vivon de la «modernaj kavaliroj», laŭ esprimo de S-ro Baden Powell, la fondinto de la skoltismo.

---

# EL LA PROGRAMOJ DE LA GRUPOJ

**Antverpeno. — «La Verda Stelo».**

**Sabaton, 18an de Jan.,** je la 20 ½ h., en «Witte Leeuw» : Antaŭlegado el fama nov-aperinta libro en Esperanto.

**Jaŭdon, 23an de Jan.,** je la 25a h., en la kursejo. Avenuo de Belgujo, 99 : Ekzameno de la lernantoj de la kurso de F-ino Maria Jacobs.

**Sabaton, 25an de Jan.,** je la 21a h., en restoracio «Roi Albert», Stacioplaco : Festeno je la okazo de la 23a datreveno de la fondiĝo de la grupo. Enskribprezo : Fr. 35.—. Pagu al poŝtĉekkonto No 726.54 de «La Verda Stelo».

Sabaton, 1-an de Febr.: Prezentado en la fama Antverpena «Pulĉinela Kelo». Kunveno je la 20 1/2 h. en «Witte Leeuw».

Sabaton, 8an de Febr.: je la 20 1/2 h., en «Witte Leeuw», Frankrijklei, 4, Avenue de France: Laŭstatuta Jarkunveno ĝenerala : Raportoj de la Sekretario kaj Kasisto pri la pasinta jaro ; reelekto de la Administrantaro. Malfermo de nova kurso.

---

**Bruselo. — «Brusela Grupo Esperantista».**
**En «Salons Modernes», 24, Auguste Ortsstrato.**

**Lundon, 20an de Jan.,** vespere : Ĝenerala kunveno.

**Lundon, 27an de Jan.,** vespere: Parolado de S-ro Lavisse pri : «Silko, ĝia deveno, la kulturado de la silka raŭpo, fabrikado de la silko», kaj pri «Jean Maria Jacquard, kiu perfektigis la teksilojn».

---

**Gento. — «Genta Grupo Esperantista».**

**Ĉiumerkrede :** Kunveno por la gemembroj kaj kursoj por la komencantoj, je la 19a, en komunuma lernejo, Nova Sankta Peŝtrostrato, No 47, ĉiuj membroj estas afable invitataj ĉeesti.

# ALVOKO AL NIAJ ESPERANTIŜTAJ GRUPOJ

Kiel dankesprimo al la firmo «Hellesens» kiu tiel malavare liveras al niaj grupoj la leterpaperon, kovertojn, p.k. k.t.p., ni varme rekomendas al ĉiuj esperantistoj fari bonan propagandon por la «Piles Hellesens». Estas la plej taŭga rimedo por ke tiu simpatia firmo daŭrigu sian helpon al nia movado.

Ni do kalkulas je la kunhelpo de ĉiuj.

---

# GRATULOJ

Al **F-ino Lucy Behn,** filino de D-ro Behn, urbestro de Ninove, Esperanta lernantino de S-ro L. Cogen, kiu edziniĝis la 19an de Decembro kun S-ro inĝeniero Jules Pivont.

Al **S-ro Max Bolsius,** komitatano de «La Verda Stelo», Antverpeno, kaj **F-ino Alexandrine Dencer,** membrino de sama grupo, kiuj geedziĝis la 21an de Decembro.

Al **S-ro Louis Wassenaar,** membro de «La Verda Stelo», Antverpeno, kiu edziĝis la 28an de Decembro kun **F-ino Rose Cahuzac,** el Béziers (Francujo).

Al **S-ro Edgard De Coster,** kasisto de « La Verda Stelo», Antverpeno, kiu festis sian 25-jaran profesian jubileon, la 28an de Decembro.

Al **S-ro Frans Swagers,** unu el niaj plej energiaj antaŭmilitaj laborantoj por Esperanto, profesoro ĉe la Supera Komerca Instituto, kaj ĉe la Normala Lernejo de Antverpeno, kiu finis brilan karieron de pli ol 40 jaroj da proferoseco. Lin festis liaj kolegoj liaj lernantoj kaj lernintoj, kiuj amis lin pro lia sindonemo kaj pro lia granda scienco. Je tiu momento «Belga Ligo Esperantista» ankaŭ ne forgesas la gravajn servojn, kiujn S-ro Swagers faris al Esperanto kaj al nia nacia Esperanto-organizajo, precipe dum la kriza periodo, kiam nia lingvo estis plej forte atakata de la reformemuloj. Ni deziras al nia malnova samideano longan kaj plej ĝuoplenan ripoz-periodon, kiun li post sia labororiĉa vivo pli ol meritas.

---

# BELGA GAZETARO

Ni ricevis kelkajn flandrajn kaj francajn gazetojn, kiuj represis la informojn, kiujn nia gazetara servo dissendis pri la Esperanto-Muzeo de Vieno, kaj pri la rezolucio de la germana instruistaro, favore al Esperanto. Ni tamen supozas, ke pli multaj gazetoj aperigis ilin. Tre insiste ni petas, ke niaj membroj ne forgesu sendi al ni la eltranĉaĵojn el sia gazeto kiuj temas pri Esperanto.

Notinde estas precipe dum Decembro, ke en Verviers ĉiuj gazetoj senescepte publikigis tre detalan raporton pri la parolado, kiun en tiu urbo faris S-ro Th. Cart, prezidanto de la Esperanta Akademio. Ili same bone propagandis por la kurso, kiun organizis nia tiea loka grupo.

La Decembra numero de «Ons Streven», organo de la Polica Frataro de Antverpeno enhavas fervoran pledon por Esperanto kiel praktika lingvo de la policistoj. « Malmultaj personoj estas kiel la policistoj en tuja rilatado kun ĉiuspecaj homoj. Mi certigas, ke en havenurbo kiel Antverpeno, estas ja malfacile respondi al ĉiu alilandano; plie, policano estas viro de la leĝo kaj ne lingvisto, tion oni ne rajtas postuli de li, kio tamen ne malhelpas ke li devus disvolviĝi sur tiu tereno, ĉar tio faciligos al li la plenumon de lia ofico ».

———

## 22a UNIVERSALA KONGRESO DE ESPERANTO

**Oxford, 2-9 Aŭgusto 1930.**

BULTENO Nº 2. 10 Decembro 1929.

**Kongresejo :** la Urbdomo de Oxford.

**Protektantoj :** Lia Princa Moŝto la Duko de Connaugt, Kapitano Button, Urbestro de Oxford, la Estro de la Edukada Komitato de Oxford, kaj multnombraj aliaj lokaj eminentuloj kaj estroj de instruejoj.

**Kotizo:** Por ĉiu kongresano senescepte : 20 ŝilingoj britaj (proks. 17 belg. frankoj) antaŭ la 1-a de Julio. Poste 30 ŝilingoj. Aliĝu jam nun kaj helpu la laboron de la L. K. K.

**Help-kongresanoj.** Neĉeestontoj povas aliĝi kiel help-kongresanoj po 10 ŝ. kaj ricevos kongres-insignon kaj dokumentojn post la kongreso.

**Blinduloj :** kaj ties gvidantoj ricevos senpagan kongreskarton, post aprobo de ilia aliĝo de S-ro W. P. Merrick, Penso, Shepperton, Middlesex (Anglujo).

**Aliĝiloj :** Haveblaj ĉe «Belga Esperantisto», Antverpeno.

**Garantia Kapitalo :** Sumo jam garantiitaj: £. 76. 60 ŝ. Op.

**Glumarkoj :** Nun presataj. Baldaŭ aperos. po. 1 br. ŝillingo por 100.

**Loĝado :** Mendiloj baldaŭ dissendotaj. Intertempa utila informo :

Hoteloj : lito kun matenmanĝo, po 7 ĝis 14 ŝ. ĉiutage.

Privataj domoj : po 5 ĝis 7 1/2 ŝ. ĉiutage. (Angla matenmanĝo estas sufiĉe ampleksa. Oni ankaŭ esperas aranĝi pli malkarajn loĝejojn. Al kongresano ne resendinta sian aliĝilon antaŭ la 1-a de julio loĝejo ne estas garantiata.

**Manĝoj :** Lunĉo simpla : po 1 ĝis 2 ŝ. ; ordinara : 2 1/2 ĝis 3 1/2 ŝ. Temanĝo : po 9 pencoj ĝis 2 ŝ. ; vespermanĝo : po 1 1/2 ĝis 5 ŝ.

**Fakaj kunsidoj :** Organizontoj frue sin anoncu.

**Somera Universitato:** Detaloj sekvos en venonta bulteno.

**Koncertoj :** L. K. K. danke ricevos kaj zorge konsideros fruajn proponojn deklami, kanti, ludi, k.t.p. ĉe kongresaj koncertoj

**Ekspoziciaj kostumdancoj :** Ne okazos dum la balo sed je aparta

vespero sur estrado, por ke ĉiu bone vidu. La sekretario plezure ricevos proponojn de kongresanoj, kiuj povos inde prezenti tiajn dancojn precipe naciajn.

**Monŝanĝejo** : Barclay's Bank, Ltd., Old Bank, High Street, Oxford prizorgos monŝanĝejon en la kongresejo. Ĝi akceptos kredit-leterojn por kongresanoj el kiu ajn parto de la mondo. Korespondas Esperante.

**Postkongresaj ekskursoj** : Krom Postkongreso en Londono, kiun aranĝas la Londona Esperanto-Klubo, la L. K. K. aranĝas ekskurson al la bela angla laga regiono kaj al Devon (la angla Riviero).

**Aliĝoj** : Jam 116 (Anglujo, 81 ; Belgujo, 2 ; Francujo, 3 ; Germanujo, 9 ; Irlando, 1 ; Polujo, 2 ; Skotlando, 8). 7 landoj reprezentitaj.

---

IOM DA HISTORIO.

# ESPERANTO KAJ SOCIETO DE NACIOJ

Vico de okazintaĵoj inter kiuj pasis semajnoj, monatoj, kaj eĉ jaroj, fariĝas fine iom nebulaj en la memoro de tiuj kiuj ne travivis ilin senpere. Estas tiel ankaŭ rilate al aferoj de nia movado ; precipe por novaj esperantistoj kiuj ne povis legi la tiamajn revuojn, estas utile fari iomete da historio. Esperanto havis rilatojn kun la Societo de Nacioj; oni aŭdis pri granda sukceso de Esperanto; male kontraŭuloj de tiu lingvo diras kaj skribas ke la rezultato estas «fiasko» por Esperanto. Kio do estas vera?

Tion ni esperas montri, per la jena resumo ĉerpita el raportoj aperintaj jam de kelkaj jaroj en revuoj, precipe en « Esperanto » oficiala organo de « Universala Esperanto-Asocio».

Okaze de la unua ĝenerala kunsido de la Societoj de Nacioj, (Novembro-Decembro 1920), interkonsiliĝis niaj samideanoj Sinjoroj Lafontaine, ano de la belga delegitaro ĉe la S.D.N., Fuĝisaua kaj Usami, japanaj sekretarioj, kaj Privat, kiu estis komisiita por traduki la paroladojn de anglaj oratoroj.

Per dokumentoj speciale presitaj de U.E.A., per propagandiloj senditaj de Centra Oficejo en Paris, per paroladoj de Sinjoroj Lafontaine, prof. Moriaux, kaj Privat, en vespera privata festo aranĝita de tiu-ĉi diversaj regnaj delegitoj interesiĝis pri Esperanto. Sekve de tio, la delegitaroj de dek landoj (ŝtata delegitaro konsistas el tri personoj ; kvardekdu ŝtatoj partoprenis la kunsidon), prezentis peton por ke la ĝenerala sekretario de la S.D.N. preparu por la venonta kunsido detalan raporton pri la rezultatoj atingitaj en la fako de oficiala instruado de Esperanto en publikaj lernejoj. La komisiitaro por ekzameno de tiu deziro deklaris sin favora ; sed en ĝenerala kunsido (18-12-20), oni prokrastis ĉiun diskuton pri internacia lingvo ; tio okazis precipe pro insisto de Sinjoro Hanotaux (franca) kaj de la prezidanto de la kunsido Sinjoro Hymans (belga).

Universala Esperanto-Asocio, danke al la proksimeco de sia centro al tiu de gravaj mondorganizaĵoj kiel Societo de Nacioj, Internacia

Labor-oficejo, kaj Internacia Ruĝa Kruco, sukcesis interesi ilin pri la dektria universala kongreso esperantista, (Praha 1921). Delegitoj de tiuj tri organizaĵoj atente observis la kongreson: por la S. D. N., ĝia ĝenerala subsekretario So Nitobé, kaj So Fuĵisaŭa ; por la I. R. K. So Horner ; por la I. L. O., So Blumel.

Post tiu kongreso, U.E.A. klopodis apud la S. D. N. por ke la temo de la antaŭa jaro estu ekzamenata; sekve de tio, kaj laŭ konsilo de Lord Robert Cecil, dektri ŝtataj delegitoj el dektri malsamaj ŝtatoj proponis ensribi sur la tagordon de la kunsida periodo de 1922 la temon pri instruado de Esperanto; post favora ekzameno de komisiitaro, la ĝenerala kunsido de 15 Septembro 1921 akceptis tiun enskribon, kaj la inviton al la ĝenerala sekretariaro prepari plenan kaj dokumentan raporton pri la tuta afero kaj speciale PRI LA FAKTAJ SPERTOJ KAJ LA REZULTATOJ JAM ATINGITAJ.

Intertempe la idistoj estis sendintaj peton de teoria ekzameno de la mondlingva afero ; sed tiu peto ne havis sekvon, ĉar la favoruloj al mondlingvo malrekomendis tiun vojon, dirante ke politikistioj povas nur konsideri faktojn kaj praktikon, kaj ke eventuala evoluado de mondlingvo koncernas uzantojn kaj lingvistojn, sed ne politikan organizaĵon al kiu oni devas veni kun sufiĉa bazo de serioza sperto kaj preta materialo libra, literatura, instruista kaj homnombra.

La temo pri instruado de Esperanto estante enskribita sur la tagordon por 1922, estis necese labori por la informado kaj la konvinko de la koncernataj personoj.

Informa kaj danka tagmanĝo kunigis la 28 Sept., ĉe hotelo «Metropole» en Genève, 20 delegitojn: Dro Privat klarigis angle la historion de Esperanto, france la lastajn sukcesojn atingitajn en diversaj landoj, kaj Esperante toastis al la sano de Lord Robert Cecil, dankante lin pro lia efika helpo. Poste paroladis angle Lord Robert Cecil, Dro Wellington-Koo (ĉina), kaj france Princo Arfa (Persa), ĉiuj esprimante sian grandan esperon ke Esperanto fine sukcesos kiel grava homara necesaĵo.

Por meti la okazintaĵojn en tempa vico ,venas nun la momento paroli pri la rilatoj de Esperanto kun speciala organizaĵo de la S.D.N., la Internacia Labora Oficejo, kiu funkcias preskaŭ ne depende.

Oni estis jam plendinta pri la lingvaj malfacilaĵoj en tiu fako. Pro tio, la administra estraro permesis al la direktoro de la Internacia Labora Oficejo uzi, krom la oficialaj lingvoj de la S.D.N., franca kaj angla, iajn aliajn lingvojn kiujn li opinios utilaj.

Dum la IIIa Internacia Labora Kunsido, (Novembro 1921) orienteŭropaj delegitaroj petis la oficialigon de la germana lingvo kiel deviga por tiuj eldonaĵoj kaj raportoj de la Labora Oficejo ; sed la slavoj kaj la hispanoj postulis la samon por sia lingvo.

En tiu okazo, post klopodoj de U. E .A., klarigoj de S-ro Privat, kaj rimarkoj de idisto, delegitoj proponis la sekvantan deklaron kiun la Konferenco faris en ĝenerala kunsido, la 19an de Novembro 1921, post ekzameno de komisiitaro :

« La tria Internacia Labora Konferenco, aprobante la iniciaton de » la Administra Estraro de l'Internacia Labora Oficejo, eldoninta en » Esperanto kelkajn dokumentojn de la Internacia Labora Oficejo, » rekomendas al la Administra Estraro, ke ĝi uzu pli kaj pli vaste » Esperanton, kiel praktikan rimedon por faciligi internaciajn rilatojn.»

La abonintoj de « Esperanto » ricevas sesfoje en la jaro la bultenon de L. I. O.

Ni revenu nun al la enketo decidita de la S. D. N. mem ; por ĝin faciligi, U. E. A. aranĝis en Genève INTERNACIAN KONFERENCON POR LA INSTRUADO DE ESPERANTO. Tiun konferencon kunvokis kaj protektis la Alta Lernejo de Eduka Scienco ĉe la Universitato de Genève. Tiu konferenco, gvidata de S-ro Privat, profesoro ĉe la dirita Lernejo, okazis dum Aprilo 1922, en la Sekretariejo de la Societo de Nacioj ; ĝin atente sekvis Sir Eric Drummond, ĝenerala sekretario de la S. D. N., Dro Nitobé ĝenerala subsekretario, kaj diversaj reprezentantoj de delegitaroj ĉe S. D. N.

La rezulto de tiu konferenco estas Solena Deklaro de edukistoj el 28 landoj al la instruistaro tutmonda pri la valoro eduka, praktika kaj paciga de Esperanto. (vidu « Esperanto » Majo 1922).

Dum la kunsida periodo de 1922, la ĝenerala sekretario de la Societo de Nacioj prezentis sian raporton pri Esperanto kiel helpa lingvo internacia. La komisiitaro por sociaj kaj homaraj aferoj ekzamenis ĝin dum tri kunsidoj ; post diskutado kaj post kelkaj ŝanĝoj, la raporto ricevis aprobon de ĉiuj la komisiitoj.

Tiu raporto pritraktas la tutan demandon pri internacia helplingvo; ĝi konstatas la kompletan valoron de Esperanto por ĉiuj specoj de internaciaj rilatoj, konstatas la jam grandan disvastiĝon de tiu lingvo, kaj montras la neutilecon, kaj eĉ, laŭ praktika vidpunkto, la malutilecon de aliaj lingvosistemoj bazitaj sur la principoj eltrovitaj de Zamenhof.

La kompleta teksto de tiuj raporto, kiu, sen la aldonaĵoj, enhavas proksimume naŭ mil vortojn, estas publikigita esperantlingve en la Oktobra kajero de « Esperanto » 1922 ; ĉiuj esperantistoj devus ĝin posedi kaj havi en la kapo la argumentojn tie uzatajn. Nacilingvaj tradukoj estas ankaŭ presitaj ; montrante al skeptikuloj la rezultatojn de enketo farita de Societo de Nacioj, oni povas certe konviki illin pli facile ol simple klarigante la avantaĝojn de Esperanto.

Kvankam, kiel supre dirite, la raporto estas akceptita de ĉiuj komisiitoj, eĉ de preferantoj de Ido kaj de kontraŭuloj al ĉiu speco de ne nacia helpa lingvo, oni ne akordiĝis por proponi ke la S.D.N. faru rekomendojn pri la uzo kaj la instruado de Esperanto. Fine, per 18 voĉoj kontraŭ 8, la komisiitaro pri sociaj kaj homaraj aferoj proponis la resendon de la demando al la Komisiitaro pri Intelekta Kunlaborado. En la ĝenerala kunsido de 21 Septembro 1922, la Societo de Nacioj akceptis per ĉiuj voĉoj la favoran raporton pri Esperanto, kaj, per 26 voĉoj kontraŭ du, akceptis la proponon de resendo al la komisiitaro pri Intelekta Kunlaborado.

1923. Kvankam la S.D.N. estis akceptinta, en 1922 la raporton de sia Sekretariaro, en kiu estas montritaj la neutileco kaj eĉ, laŭ praktika vidpunkto, la malutileco de aliaj lingvosistemoj bazitaj sur la principoj eltrovitaj de Zamenhof, emuloj al tiuj aliaj sistemoj multe esperis ke la Komisiitaro pri Intelekta kunlaborado ilin helpus.

Sed la komisiitaro juĝis sin ne kompetenta.

La rezulto de la diskutado estas la jena deklaro :

« La Komisiitaro por Intelekta Kunlaborado, ekzameninte la » diversajn flankojn de la problemo pri internacia mondlingvo, ne » opinias ke estas ĝia devo rekomendi artefaritan lingvon al la ĝenerala » kunsido de la Societo de Nacioj. Ĝi ne neas la praktikajn avantaĝojn » kiuj rezultus el tutmonda alpreno de artefarita helplingvo. Sed ĝi » opinias ke ĝia klopodo devas celi antaŭ ĉio favori la studadon de » vivantaj lingvoj kaj de fremdaj literaturoj, ĉar tiu studado estas » unu el la plej potencaj rimedoj por morala intelekta alproksimiĝo » inter diversnaciaj homoj, kio estas ja la idealo de la S. D. N. »

La leganto certe rimarkos ian malecon inter la dua frazo de tiu deklaro, kaj la tria.

Tiun deklaron la ĝenerala kunsidantaro de S. D. ne aprobis ; laŭ ordono de la tiama franca registraro, tute malfavora al Esperanto, franca delegito estis prezentinta la deklaron por aprobo ; sed konstatinte ke, eĉ post mildigo, lia propono estus rifuzata per voĉdono, li publike retiris ĝin.

Ni baldaŭ vidos ke male de la deklaro de la Komisiitaro por Intelekta Kunlaborado ,la S. D. N. faris, poste, rekomendon favoran al Esperanto.

Ni alvenas nun al la kunsida periodo de 1924 (la kvina). En la komisiitaro por sociaj kaj homaraj aferoj, S-ro Privat, kiel reprezentanto de la regno « Irân » (Perslando), sin apogante sur deziresprimo de la grava komerca Konferenco organizita de U. E. A. en « Venezia » dum la printempo 1923, proponis la jenan rekomendon :

» La ĝenerala kunsido de la Societo de Nacioj rekomendas ke la » ŝtatoj, membroj de la Societo, konsentu al ESPERANTO la traktadon » kaj tarifojn de lingvo « klara » en telegrafaj kaj radiotelegrafaj » interrilatoj, kiel praktika helpa lingvo de la internaciaj komunikoj, » flanke de la naciaj lingvoj uzataj, kaj atentigas je tiu celo la orga- » nizon pri komunikado kaj transito ».

Malgraŭ kontraŭdiro, kaj malgraŭ subpropono anstataŭigi la vorton ESPERANTO per ARTEFARITAJ LINGVOJ, la komissiitaro akceptis la proponon de S-ro Privat per 14 voĉoj kontraŭ 9.

La 20an de Septembro, la ĝenerala kunsido de la Societo akceptis ĉiukonsente fari la supreditan rekomendon kaj atentigon.

La rekomendo de S. D. N. estas aŭskultita : la Universala Telegrafa Unuiĝo konsideras nun Esperanto'n kiel lingvon « klaran », t.e. ne plu postulas por la telegramoj redaktitaj en Esperanto la altprezan tarifon de telegramoj ciferaj.

ĜENERALAJ KONKLUDOJ POR ESPERANTISTARO : Esperantistoj povas tre utile uzi la raporton de la ĝenerala sekretariaro de la S. D. N. por propagandi. Tiu raporto enhavas bonegajn argumentojn; neniu povus konsideri ilin kiel trotaksojn de esperantistoj, ĉar ili estas kontrolitaj de Organizaĵo ne ligata al Esperantismo.

Sed tio ne sufiĉas; la devo de ĉiuj esperantistoj estas UZI LA LINGVON KAJ MONTRI TIUN UZON AL NEESPERANTISTOJ. Ili ne forgesu ke laŭ la supredиritaj diskutadoj, la publikaj estraroj konsideros nur faktojn kaj rezultatojn. Faktoj kaj rezultatoj, jen la disvastigiloj de helpa mondlingvo.

Ili subtenu la organizaĵojn starigitajn cele de la uzo de Esperanto: la bonaj rezultatoj akiritaj ĉe la Societo de Nacioj ne estus atingitaj sen la bonega U.E.A.

C. VANDEVELDE.

---

# DU PERSPEKTIVOJ DE LA NATURO

### Vespera preĝo sur ŝipo.

Mi estas nenio : mi estas nur simpla solulo ; mi ofte aŭdis la klerulojn diskuti pri la unua estaĵo ,kaj mi ne komprenis ilin : sed mi ĉiam rimarkis, ke estas ĉe la vido de la grandaj scenoj de la naturo, ke tiu nekonata estaĵo aperas en la koron de la homo. Ian vesperon, en profunda kvieteco, ni estis en tiuj belaj maroj, kiuj banas la bordojn de Virginio ; ĉiuj veloj estis falditaj ; mi estis okupata sub la ferdeko, kiam mi aŭdis la sonorilon kiu alvokis la ŝipanaron al la preĝo : mi rapidis por iri miksi miajn bondezirojn al tiuj de miaj kunveturantoj.

La oficiroj estis sur la postkila ferdeko kun la transveturantoj ; la kapelpastro kun libro en la mano, tenis sin iom antaŭ ili ; la maristoj estis intermiksitaj sur la supra ferdeko: ni ĉiuj staris kun la vizaĝo turnita al la antaŭkilo de la ŝipo kiu rigardis la okcidenton.

La globo de la suno, preta por subakviĝi en la ondojn, aperis inter la ŝnuregaro de la ŝipo, meze de spacegoj sen limo. Oni dirus, ke la balanciĝoj de la postkilo ŝanĝis la radiantan astron en ĉiu momento je horizonto. Kelkaj nuboj estis senorde ĵetitaj en la Oriento, kie la luno supreniris malrapide ; la restaĵo de la ĉielo estis pura : je la Nordo formanta gloran triangulon kun la astro de la tago kaj kun tiu de la nokto, brila trombo kun la koloroj de la prismo, leviĝis el la maro, kiel kristala kolono portanta la arkaĵon de la ĉielo.

Li estus tre kompatinda, tiu kiu en tiu spektaklo ne rekonus la belecon de Dio. Larmoj fluis kontraŭvole el miaj palpebroj, kiam miaj kunŝipirantoj, demetinte siajn ĉapelojn gudrajn, elkantis per raŭka voĉo sian religian kanton al Nia Dipatrino de Bona Helpo, patronino de la ŝipistoj. Kiom ĝi estis kortuŝanta, la preĝo de tiuj homoj, kiuj sur malfortika tabulo, meze de oceano rigardis atente, la kuŝiĝantan sunon sur la ondoj ! Kiom ĝi iris al l'animo, tiu alpreĝo de la kompatinda maristo al la patrino de la doloroj ! La konscio de nia malgrandeco je la vido de la senfino, niaj kantoj etendantaj sin malproksimen sur la

ondoj, la nokto proksimiĝanta kun siaj insidoj, la mirindaĵo de nia ŝipo inter tiom da mirindaĵoj, religa ŝipanaro premita de admiro kaj timo, noblega pastro preĝanta Dion sidantan super la abismo, retenantan per unu mano la sunon ĉe la pordoj de l'okcidento, kaj per la alia, levigantan la lunon en l'oriento, kaj aŭskultantan, tra la senmezureco kun atenta orelo la voĉon de sia kreitaĵo, estas io, kion oni ne povus pentri, io kion la tuta koro de l'homo apenaŭ sufiĉas por senti.

Ni transpasu al la tera sceno.

---

**Nokto en la dezertoj de la nova mondo.**

Ian vesperon mi estis forvaginta en arbaron, je kelka distanco de la akvofalego de Niagara ; baldaŭ mi vidis mallumiĝi la tagon ĉirkaŭ mi, kaj mi ĝuis en ĝia tute izoleco la belan spektaklon de nokto en la dezertoj de la nova mondo.

Unu horon post la subiro de la suno, la luno montris sin super la arboj en la kontraŭa horizonto. Bonodoranta venteto, kiun tiu reĝino de la noktoj kunportis el oriento antaŭis ĝin en la arbarego kiel ĝia freŝa elspiro. La solula astro supreniris iom post iom en la ĉielo : nun ĝi sekvis paceme sian lazuran iradon, tiam ĝi ripozis sur altnubaroj kiuj similis al la supraĵo de altaj montoj kovritaj per neĝo. Tiuj altnubaroj fleksantaj kaj disetendantaj siajn velojn, disvolvis sin en diafanoj zonoj de blanka atlaso, disiris en senpezaj flokonoj de saŭmo, aŭ formis en la ĉielo tavolojn de duonblindiganta vato, tiel dolĉajn por la okuloj ke oni kredis senti ilian molecon kaj elastecon. La sceno sur la tero estis ne malpli ravanta : la blueta kaj velureca tago, malsupreniris en la interspacoj de la arboj, kaj eligis garbojn de lumo ĝis la denseco de la plej profundaj mallumoj. La rivero kiu fluis je miaj piedoj, perdis sin laŭvice en la arbaroj, laŭvice reaperis brilante pro la stelaroj de la nokto, kiujn ĝi rebriligis en sia mezo. En savano de l'alia bordo de la rivero, la heleco de la luno dormis senmove sur la herbejo : betuloj blovataj de la ventoj kaj disstarantaj tie-ĉi kaj tie formis insulojn de naĝantaj ombroj sur tiu senmova maro de lumo. Apude, ĉio estus estinta silento kaj ripozo, sen la falo de kelkaj folioj, la paso de subita vento, la ĝemado de la strigo ; en malproksimeco oni aŭdis je intertempoj la surdajn muĝadojn de la akvofalo de Niagara, kiuj en la trankvileco de la nokto, plidaŭrigis sin de dezerto en dezerton kaj finiĝis tra la senhomaj arbaregoj.

La grandeco, la miriga melankolio de tiu spektaklo, ne povus esprimiĝi en la homaj lingvoj ; la plej belaj noktoj en Eŭropo ne povas doni ideon, pri ĝi. Vane, en niaj plugkampoj, la imago penos por etendi sin ; sed en tiuj sovaĝaj regionoj, la animo ŝatas penetri en oceanon de arbaregoj, glitflugi super la profundaĵo de la akvofaloj, mediti sur la bordoj de la lagoj de la riveregoj, kaj se tiel oni povis diri, stari sola antaŭ Dio. CHATEAUBRIAND.

Tradukita de P. ROGIERS.

# LA ĈEVALO

La plej nobla konkeraĵo, kiun la homo iam faris estas tiu de tiu fiera kaj arda besto, kiu partigas kun li la laciĝojn de la milito, kaj la gloron de la bataloj; tiel sentima kiel ĝia mastro, la ĉevalo vidas la danĝeron kaj kuraĝe kontraŭiras ĝin; ĝi kutimiĝas al la bruo de la armiloj, ĝi amas ĝin kaj ekscitas sin je la sama ardo; ĝi ankaŭ partoprenas liajn plezurojn; en ĉaso, en turniroj, en kurado ĝi brilas, brilegas, sed obeema tiom kiom kuraĝa, ĝi ne lasas sin malmoderigi pro sia eksciteco; ĝi kapablas bridi siajn movojn; ne nur ĝi cedas al la mano de tiu kiu kondukas ĝin, ĝi eĉ ŝajnas esplori liajn dezirojn, kaj obeanta ĉiam al la impresoj, kiujn ĝi de li ricevas, ĝi ekkuregas, moderigas sin, aŭ haltas, kaj agas nur por kontentigi ilin; estas kreitaĵo, kiu rezignas al sia propra estaĵo por ekzisti nur pro la volo de alia; kiu scias eĉ antaŭvidi ĝin, kiu per la rapideco kaj la precizeco de siaj movoj esprimas kaj plenumas ĝin; kiu sentas tiom kiom oni deziras kaj redonas nur tiom kiom oni volas; kiu donas sin tute, rifuzas nenion, servas per siaj tutaj fortoj, trodonas sin, kaj eĉ mortas por pli bone obei.

El Buffon, tradukis P. Rogiers.

---

# LA FORMIKO KAJ LA ARANEO

De kio devenas tio, demandis la formiko al la araneo, ke vi estas bestoj tiel malsociemaj. Vian araneaĵon vi teksas kaj meze de ĝi vin pendigas. Vian kaptaĵon vi kaptas kaj ĉion sen okupi vin pri iu. Kiam pluvas, vi ne aperas ; tiam vi restas kaŝata sub folio aŭ inter fendeto de muro kaj tie vi nur atendas, ĝis kiam la vetero sekiĝis. Vi multe similas ermiton ; ni almenaŭ vivas pli agrable ol vi, ĉu ne ?

Mi rakontos al vi mian historion ; diris la araneo. Iam estis tempo, kiam ni, araneoj, ankaŭ en grandaj familioj kunvivadis tiel kiel vi formikoj. Tiam la araneoj teksis siajn araneaĵojn en malgrandaj arbaretoj, kiuj pro tio estis nomitaj aranearbaretoj.

Ho, se vi estus vidinta ilin ĉiuj branĉoj kaj branĉetoj estis kovritaj per araneaĵoj kaj ĉie vi povis vidi, okulojn de centoj da grandaj kaj malgrandaj araneoj. Kion ili interbabiladis estis nepriskribebla sed la kuloj kaj muŝoj baldaŭ komprenis ke tiaj arbaretoj estas por ili mortlokoj. Kaj anstataŭ ĝin traflugi, ili ĝin trans kaj ĉirkaŭflugis. Nur araneo al la ekstera flanko de la arbareto de tempo al tempo kaptis miopan kulon sed la araneoj, kiuj loĝis pli interne preskaŭ mortis pro malsato. Ili ĉiuj tiel maldikiĝis kiel... kiel... ja kiel formiko.

Kaj tiel ni rezignis al la agrableco kaj disiris ĉiuflanken.

Tiel maldika ol formiko! vi ne povis diri, kolere kriis la formiko. Gracila mi certe estas sed maldika absolute ne. Se vi tiom multe marŝus kiom mi vi certe ne estus tiel dika ĉar precipe ne imagu, ke ĝi estas sana dikaĵo. Vi estas dika ne pro troa manĝado sed nur pro tio ke vi ne sufiĉe moviĝadas, vi ja sidas tro multe hejme kaj kaŭze de tio vi dikiĝas.

Ha, vi kuraĝas min insulti, Dika bufo, vi estas. Maldika ostero akre diris la araneo. Tiel ili reciproke sin insultadis. Libelo pendante ĉe branĉo estis aŭskultinta la insultadon. Ĝi estis tre saĝa tiu libelo. Ĝiaj grandaj flugiloj estis lin portintaj ĉien kaj multe li estis vidinta. Aŭskultu, li diris al la formiko, ĉu vi volus esti araneo. Neniam, eĉ por la tuta sukero troviĝanta sur la tuta mondo. Kaj vi araneo, ĉu vi volus esti formiko? Eĉ ne por la plej granda kulotorto grincis la araneo. Tiam vi ambaŭ havas vian deziron, do silentu, diris la libelo.

Jes, sed la formiko diris...

La araneo diris...

Jen alflugas vesperto! kriis la libelo kaj for estis la araneo en fendeton de l' muro. La formiko tuj rampis sub florpoton.

Kaj denove silento regis en la ĝardeno.

El Holanda, trad. C. Vanbiervliet, Kortrijk.

---

# BONHUMORO

Paŭlo. — Kara Petro, kiel vi fartas, kaj via edzino ?

Petro. — Mi fartas bone, sed mia edzino havas sepdek malsanojn.

Paŭlo. — Sep dek malsanojn ? Kiam kaj kie ŝi ilin ekkaptis ?

Petro. — Pasintan semajnon, en medicina vortaro !

PROFESIA KOMENCO : Juna hirurgiisto, je la unua fojo tranĉis la kruron de malsanulo. Post la operacio, la helpisto, kiu kunlaboris kun la novbakita praktikisto, riskas fari rimarkon :

— Pardonu, Sinjoro Doktoro, ŝajnas al mi ke vi tranĉis la dekstran, kruron ?

— Certe !

— Tamen, vi faris eraretom : estas la maldekstra, kiu estas gangrenita !

LERNEJA KOMENCANTO : Patrino. — Ĉu estas tute vere, ke vi estas la unua en aritmetiko ?... Du kaj du, kiom tio faras ?

Bubo. — Ha !... sed tion ni ne jam lernis !

INTER LEĜOFARANTOJ : Kie ni volas ankoraŭ trovi objektojn por novaj impostoj ?

— Pri infannaskiĝoj : aŭtorrajtojn !

INTER BILL KAJ BOB : Ĉu ci volus pruntedoni al mi unu sterlingan funton ?

— Kun plezuro : tuj kiam mi revenos el Francujo.

— Nu, mi ne sciis ke ci devas iri !

— Mi ankaŭ tion nesciis !

ANGLA HUMORO. — La vendisto, kiu provas vendi ĉapelon multe tro grandan : Jen ĉapelo, sinjoro, kiu bone konvenas al vi.

La kliento. — Jes... sed kio okazos, kiam miaj oreloj estos lacaj porti ĝin ?

CEDEMA EDZO. — Kion ci deziras por cia festo ?

— Mi estas vere nedecida !

— Bone ! Mi donas al ci unu jaron por pripensi !

MIRAKLO. — « Kio estas miraklo, demandis maljuna kuracisto al sia pastro.

Kaj ĉar la pastro ekkonfuziĝis en malhela klarigado, la kuracisto lin interrompis dirante :

— Mi tion diros : Miraklo, tio estas botela da Burgonja vino, restante plena inter pastro kaj kuracisto !!

ĈE LA SPICVENDISTO. — La klientino. — Mi forgesis, kial mi venis.

La spicvendisto. — Fromaĝo ? butero ? lardo ? margarino ? teo ? kafo ? kakao ? sukero ? konfitaĵo ? marmelado ? biskvitoj ? sapo ? sodo ? Nenio el ĉio tio ? Pipro ? salo ? makaronio ? vinberoj ? pikloj ? rizo ? haringoj ? faruno ? sardeloj ?...

La klientino. — Ha, nun mi memoras ! Estis por demandi, kioma horo estas ?

LA LONGA ĈASO.

Antaŭ nelonge en ia Londona legbibliotheko okazis jenan amuzigan aventureton. La bibliotekisto rimarkis, ke de post deko da tagoj, je la tagmezo, negreto la legĉambron vizitis, ĉiam la saman libron petis kaj ĉiufoje serĉis la saman paĝon kaj post mallonga alrigardo laŭte kaj gaja ekridis.

La bibliotekisto tre scivola pri la kaŭzo de tiu ripetita gajeco de l' negreto, kaŝite sin metis la dekunuan fojon malantaŭ la knabo.

Denove kun avideco la nigrulo reserĉis la suprediritan paĝon, atentege rigardante la tie reprezentitan desegnaĵon, kiu prezentis virbovon, kiu furioze alsaltis al juna negro.

Ha, murmuris la negreto, kutime ekridante, la bestaĉo ne ankoraŭ povis lin kapti.

PRO TIO.

Dum la ŝarĝado de vagono de mielkukoj, la soldatoj devis vice almarŝi.

La ekstera poŝo de iu soldato iomete suspekte elstariĝis.

Kion vi havas en via poŝo demandis la rigida Majoro.

Nur la portreton de mia patro Moŝto Majora, respondis la soldato : eksciu ke li havas ĝibon !

Trad. C. Vanbiervliet.

ESTU RUZA TIU, KIU NE FORTA ESTAS.

Scoggan, la amuzulo de Reĝino Elisabeth de Anglujo, multfoje pruntepreniš monon de sia mastrino, ĝis la ŝuldo sumiĝis je kvincent sterlingaj funtoj. Elisabeth insistis, ke li pagu, sed Scoggan ŝajnigis sin nekapabla, pagi tiun-ĉi sumegon. Tamen la Reĝino restis postulema.

Iam la amuzulo sciiĝis, ke ŝi estos pasonta preter lia domo kun tuta sia sekvantaro kaj pro tio li faris projekton por liberigi sin de la

ŝuldo peza. Li farigis ĉerkon kaj portigis ĝin eksteren, ĵus kiam la Reĝino estis pasanta. Elisabeth informigis sin pri la enterigoto kaj unu el liaj amikoj, kiu promesis sian kunhelpon, respondis, ke estas Scoggan, la amuzulo de Ŝia Reĝina Moŝto.

« Scoggan ? » diris Elisabeth. « Mi ne sciis ke li estis malsana. Do, li estas mortinta ? Li ankoraŭ estas ŝuldanta al mi po kvincent sterlingaj funtoj, sed tiun ŝuldon mi malestigas ».

Apenaŭ ŝi estis dirinta tiujn vortojn, ke la amuzulo leviĝis en sia ĉerko kaj kriis : « Mi dankas Vian Moŝton tutkore. Via favoro estas tiel granda, ke mi estas kvazaŭ reaperinta el la morto ».

La Reĝino ridis pro la spritaĵo kaj ne plu maltrankviligis lin pro la prunteprenita mono. Tradukis Daniel GENE.

## LITEROJ EN SUPO.

Maljuna sinjorino de la «maldekstra bordo» en Parizo, tiel rakontas «Comœdia» oferas ĉiujaŭde en sia loĝejo tagmanĝon «laŭ la ŝanco de l'poto », al siaj geamikoj.

La kuirajoj havas veran burĝan karakteron. La Supo kiun ŝi donis, antaŭ kelka tempo, al siaj gastoj, estis la kaŭzo de dramo!

Juna sinjorino estis lokita flanke de amiko de sia edzo.

Tiu lasta rimarkis ke lia edzineto sin amuzis kunigi sur la bordo de sia telero malgrandajn literojn el «Itala pasto» troviĝantajn en la supo.

Li fariĝis scivola kaj proksimiĝis je sia edzino.

La literetoj videble estis kunigitaj laborplene, favore je la najbaro de la juna edzino, kiu ekŝajnigis sin tute distra.

Oni povis legi tiun nuran vorton : « Morgaŭ ».

Tiu maniero samtempe publika kaj sekreta por montri rendevuon, vekis grandan koleron de la edzo. El tio : skandalo! Kaj la maljuna sinjorino, malĝojigita, diris :

« La sekvantan fojon mi metigos vermiĉelon en la supon »!!

---

# DIVERSAJ INFORMOJ

**ESPERANTO-LIBERTEMPOJ.** — Pasintan jaron la Brita Esperantista Asocio organizis du libertempojn eksterlande. Ili tiom bone sukcesis, ke ĝi decidis organizi nunjare tri tiajn libertempojn por siaj membroj. La unua okazos de la 17a ĝis la 21a de Aprilo (Pasko) en Le Hâvre ; la dua en Oostduinkerke-sur-Maro de la 5a ĝis la 12a de Julio ; la tria al Como (Italujo) de la 26a de Aŭgusto ĝis la 3a de Septembro.

**FLUGANTA SKRIBILO,** la sola gazeto kiu, de Novembro 1913, estis publikigata en Esperanta Stenografio, malaperis en Januari 1929. Denove ĝi eliras ĉiutrimonata, komence de Januari 1930. Ĉiuj abonantoj ricevos ĉiujare du broŝurojn en stenografio. Plie ,lernolibro de Esperanta stenografio estas senpage donacata al ĉiuj novaj abonantoj.

Ni ne dubas, ke multnombraj gesamideanoj profitos tiun okazon por lerni la Esperantan stenografion, abonante tiun interesan gazeton, kies prezo estas 4.25 fr., ĉiujare.

Sin turni al Sro P. Flageul, 9, Boulevard Voltaire, Issy-les-Mouli-neau, Seine), Francujo. Poŝtĉeka konto : Paris 952.83.

KIU POVAS HAVIGI por unu el niaj abonantoj la numeron 1 (25 Novembro 1919, kaj n-on 1-2 (71-72) Jan.-Febr. 1921 de «Belga Esperantisto», bonvolu konigi kondiĉojn al la adreso de la gazeto.

## BIBLIOGRAFIO

FUNDAMENTO DE ESPERANTO. — Fundament van Esperanto. — L. L. Zamenhof. Flandra Eldono. Tradukita de Frans Schoofs. — 116 paĝoj 11 x 17 cm. Eldonis 1929 Belga Esperanto-Instituto, K. S. 11, Kleine Hondstraat, Antverpeno. — Prezo : Fr. 5.—.

Jen la dua korektita eldono de la flandra-holanda eldono de la oficiala fundamento de nia lingvo. La neceseco presi jam duan eldonon de la libreto pruvas la sukceson de Esperanto en la flandra parto de nia lando. Tiu dua eldono havas tiel simpatian aspekton, tiel zorgitan kiel la unua. Plie kelkaj preseraroj de la unua eldono estis forigitaj. Bonega propagandilo kaj lernilo por flandra lando kaj Nederlando ĝi restas.

RUĜA STELO. — Fantazia Romano de A. Bogdanov. Kolektive el rusa lingvo tradukita sub redakto de N. Mekrasov kaj S. Rublov. 168 paĝoj 12 x 17.5 cm. Eldonis 1929: Sennacieca Asocio Tutmonda, Eldona Fako Kooperativa, Leipzig. Prezo: Rmk. 1.60. — Romano kun tendenco laŭ la novrusa ideologio. La traduko en kiu partoprenis ok geesperantistoj estas bone kaj flue farita.

SIVAĜI. Sceno el Hinduja historio de la 17a jarcento, de Lakshmiswar Sinha. 68 paĝoj 13 × 19 cm. Eldonis : Eldona Societo Esperanto, Stockholm. Prezo Sv. Kr. 1,50.

« Sivaĝi » estas alloga drameto el la hinduja historio de la deksepa jarcento. La verkinto estas juna hindo kiu vizitante Svedujon por studoj okaze interesiĝis pri Esperanto kaj fervore komencis ĝin studi. Post apenaŭ unujara lernado li nun traveturas Svedujon farante prelegojn en Esperanto pri sia hejmlando kaj ĝia popolo tiamaniere propagandante. Kun flamanta entuziasmo li akceptis la mondlingvan ideon kaj ĝian efektiviĝon per Esperanto. « Sivaĝo » estas la unua verko de Laksmishwar Sinha.

LA ORGANIZO DE LA LIGO DE NACIOJ. Grandformata diagramo donanta klaran bildon pri la tuta organizo de la Ligo de Nacioj. Klarigaj tekstoj en angla, franca kaj Esperanta lingvoj estas oportune lokitaj por plifaciligi la komprenon pri la tuta radaro de la Ligo. Prezo ne citita. La tabelo estas liverebla en ĉiuj lingvoj de la mondo ; oni sin turnu al la aŭtoro: Prof. Dr. Teich, Saarbrücken 2. Bonega apliko de nia lingvo ! La tradukaĵon ni ŝuldas al R. Kreuz, Genève.

# Universala Ekspozicio de Antverpeno 1930

**Rabatpreza abono por niaj membroj !**

*FR.* ***40.—*** *ANSTATAŬ FR.* ***50.—***

La membroj de Belga Ligo Esperantista kaj de ĝiaj aliĝintaj grupoj ĝuos *rabaton de 20o/o* sur la abonprezo de la Universala Ekspozicio de Antverpeno.

Tiuj, kiuj deziras profiti tiun favoron, bonvolu pagi Fr. 40,— al la poŝtĉekkonto 726.54 de nia loka grupo *"La Verda Stelo"*, kaj sendi al la sidejo de *tiu grupo, Kleine Hondstraat 11, Antverpeno, du fotografajojn* (formata 4 x 4 cm) kun, sur la dorso skribitaj, la nomo kaj la antaŭnomoj.

Ni ne dubas, ke ni baldaŭ atingos la nombron de 100 mendantoj, kiu estas necesa por akiri la prezentitan rabaton.